# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 11 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Novembro 1913**


## Leipzig,
### la urbo de la 9a Germana Esperanto-Kongreso.
### Pentekosto 1914.

*Lipsia lipsiscit* — Leipzig leipzigas! Tion skribis Martin Luther, esprimonte, ke la Leipziganoj estas nefacile influeblaj, sed ĉiam agas laŭ siaj propraj pensoj, ke ili bone scias, kion ili volas. Kaj videble per tiu maniero nia urbo plej bone profitis; ĉar en la sama loko, kie antaŭ mil jaroj troviĝis netraireblaj marĉoj kaj arbaroj, nun staras urbego, kiu, laŭ la nombro de la enloĝantoj, okupas la trian rangon en Germanujo.

Oni diros: Ankaŭ en aliaj lokoj en la sama tempo elkreskis urboj same grandaj, eĉ pli grandaj ol Leipzig. Prave; sed ni esploru la kaŭzojn. Tiu aŭ tiu urbo kuŝis ĉe la maro, kiu al ĝia haveno alportis la produktojn de ĉiuj landoj. Estiĝis profitodona komerco, kiu allogis entreprenemajn homojn — la ĝermo de la estonta grandurbo ekkreskis. Jen alia urbo kuŝanta ĉe ŝipirebla riverego. Ĝiaj tasko kaj profito fariĝis, disvendi la necesajojn de l' ĉiutaga vivo, kiujn la riverŝipoj alportis. Alia urbo uzis la enterajn trezorojn, ĉu karbon, feron, salon aŭ mineralajn fontojn, kiuj altiris multajn homojn. Alia urbo profitis la ĉarmon de sia situacio; kaj ree alia ĝuis la protekton de princo, kiu per sia nura enloĝiĝo igis tiun urbon ankaŭ la hejmo kaj laborkampo por miloj da aliuloj.



*Leipzig: Augustus-placo.**)

Sed Leipzig? Ĝi kuŝas nek ĉe l' maro, nek ĉe ŝipirebla rivero, malgraŭ la fama ŝercvorto pri „Leipzig, la marurbo". La enteraj valorajoj ne estas rimarkindaj; la ĉirkaŭajo estas konata — neĝuste! — kiel malriĉa je ĉarmajoj. Leipzig ankaŭ neniam estis la daŭra hejmo de l' saksaj aŭ de aliaj princoj. Ĝi estas inter la urboj tio, kion oni nomas inter la homoj *selfmade man*. El propra forto, el la fortoj de siaj burĝoj ĝi kreis tion, kio nun estas.

La geografia situacio de Leipzig estas an-

*) La 3 kliŝajojn por tiu ĉi artikolo afable disponigis la *Porfremdula Societo* en *Leipzig*, Naschmarkt



*Leipzig: Ĉefstacidomo (ekstera vidaĵo).*

kaŭ ne tiom oportuna, kiom kelkaj homoj kredas. La stratoj, sur kiuj ĝis la enkonduko de la fervojoj veturis la transportveturiloj de la komercistoj, volonte evitis la marĉan ebenaĵon de nia urbo por vojaĝoj de el oriento okcidenten aŭ kontraŭe. Ĝis antaŭ nelonge ekzistis de Leipzig okcidenten nur unu mallarĝa strato, kiu estis ŝirmata kontraŭ la ĉiujaraj superakvoj. Erfurt, Halle, Magdeburg tiurilate okupis pli bonan situacion. La saksaj princoj ja helpis la ekfloradon de Leipzig per la fondo de la grandaj foiroj (germ. *Messen*) kaj de la universitato; sed laŭplane ili ĝin ne favoris, eĉ malutilis ĝin per sia aŭstrioamika politiko.

Do povas esti nur la karaktero de la enloĝantoj mem, kiu faris Leipzigon tia, kia ĝi estas nun. Laŭ sia raso la enloĝantaro ne pure apartenas al iu el la aliaj germanaj gentoj. Ĝi estas miksita el enmigrintoj el Turingujo, Frankujo, Bavarujo, Ŝvabujo, eĉ el norda Germanujo kaj Holando; kaj ŝajnas, ke la tiel estiĝinta nova gento estas precipe agema, vigla kaj energia. Tra la multegaj militaj kaj politikaj malfeliĉaĵoj tiuj homoj konservis sian entreprenemon kaj atingis, ke ilia urbo nun estas glore konata ne nur en Germanujo, sed en la tuta mondo.

Oni ekkonas la grandecon de Leipzig, komparante ĝiajn teritorion kaj nombron de la enloĝantoj kun tiuj de aliaj grandurboj:

| | teritorio | enloĝantoj | |
|---|---|---|---|
| London | 305,00 □km | 6 560 000 | |
| Paris | 78,02 ,, | 2 888 100 | |
| Berlin | 63,52 □km | 2 071 257 | |
| Leipzig | 73,67 ,, | 660 000 | (nun) |
| München | 95,65 ,, | 615 000 | en 1912. |
| Dresden | 67,62 ,, | 558 000 | en 1912. |

Leipzig nun sekvas pli kaj pli la saman evoluon, kiun vidiĝas ĉiuj grandurboj: la interna parto iĝas nura vendejo; la homoj transloĝiĝas al la antaŭurboj. En tiuj antaŭurboj estas ankaŭ la loko por la industriaj entreprenoj, kiuj plej ofte okupas apartajn kvartalojn. Mondfama estas Leipzig kiel centro de la libroindustrio kaj kiel ĉefloko por felaĵoj kaj ĥemiaĵoj Sed ankaŭ multaj aliaj industrioj eminente prezentiĝas.*)

Tamen tiu industriemo tute ne malhelpis, ke la urbo ankaŭ zorgu pri la evoluo de scienco kaj arto. La universitato solenis en 1909 la 500an datrevenon de sia fondiĝo; konservatorio, muzeoj kaj teatroj bonege donas okazon por ĉiuflanka kleriĝo.

Ankaŭ la Esperanta afero en Leipzig nun bone marŝas antaŭen. Nia progresema ĉefurbestro favoras la internacian helplingvon, kaj jam kelkafoje ni ricevis lian dankindan helpon. Sed la plej efikan antaŭenpuŝon ni Leipzigaj esperantistoj esperas de la estonta kongreso. Ke ĝi fariĝu impresa manifestacio de l' Espe-

*) Detalojn oni trovos en la multnombraj originalaj artikoloj, kiujn enhavos la *Informilo pri Leipzig*, donacota al la partoprenontoj de l' kongreso.



*Leipzig: Laŭlarĝa kajo en la ĉefstacidomo.*

rantismo, tion ni esperegas. Al tio ankaŭ helpos niaj karaj ĝesamideanoj, se ili grandare kunvenos en nia bela „urbo de l' tilioj". La konata *Leipziger Gemütlichkeit* kaj la samideaneco helpos, ke ili forkunportos el nia kongreso bonan rememoron.

*Paul Bennemann, instruisto.*

## La ĉevaloj pensantaj.

*De Frerichs.*

En la numeroj 136 kaj sekvantaj de la gazeto „Esperanto" de U. E. A. aperis vico da interesaj artikoloj pri la ĉevalo en la prahistoriaj tempoj. Estas do nature, ankaŭ paroli pri la nunaj kaj, ĉar ilia ĝenerala uzado estas sufiĉe konata, nur pri tiuj ĉevaloj, kiuj prezentiĝas kiel estajoj enigmaj: la *pensantaj ĉevaloj* en Elberfeld.

En naturscienca rondo Profesoro Dro *von Buttel* raportis pri sia sperto akirita en la dirita urbo. Li montris nur seriozajn faktojn objektivajn koncerne la scipovon de la ĉevalo *saĝa Hans*, apartenanta al S-ro *von Osten* kaj de la ĉevaloj *Muhamed*, *Zarif* kaj *Hänschen* de S-ro *Krall*. La „saĝa Hans", kiu foje (1904) mirigis la mondon, estas aparte observita de li kaj psikologie esplorita. La observado koncernis preskaŭ pli la ĉevalposedanton ol la ĉevalon mem. Konate estas, ke la interesuloj siatempe kvazaŭ seniluziiĝis, kiam la scienca komisio de la reĝa universitato, gvidata de intima konsilanto *Stumpf* kaj Profesoro *Pfungst*, komunikis, ke la „saĝa Hans" nur reagis kaŭze de nekonsciaj movetoj de sia posedanto, kaj ke ĝi prezentis nur meĥanismon tute neerareman. Ankaŭ Prof. Dro v. Buttel unue kredis tion, precipe tial, ke li okaze aŭdis de la ĉevalposedanto, S-ro von Osten, ke la ĉevaloj ne povas respondi demandojn, se la demandanto mem ne scias la solvodonigan pritrakton. Poste la afero klariĝis per tio, ke la bestoj ne sufiĉe atentas kaj pense ne disciplinas sin, rimarkante, ke la demandanta persono mem ne scias la disvolvon de la donita ekzemplo.

Tio, kion la scienculo nun al sia aŭskultantaro rakontis kaj parte lumbilde klarigis pri la eksperimentoj kun la ĉevaloj, ĝis nun ne por ĉiu homo estas klarigebla. Ekzemple la ĉevaloj silabas, adicias, subtrahas, eĉ kalkulas 2-, 3-, 4-radikojn. Kiom da homoj sukcese faras tion parkere el milionoj da nombroj? La bestoj kondutis kvazaŭ kiel estajoj konsciencaj kaj lernkapablaj. Oni preskaŭ povus pridubi la verecon de la komunikajoj, se la persono de la oratoro ne garantius ĝin. Krom tio ekzistas protokolo subskribita de famaj scienculoj: Prof. Dro H. Kraemer, Hohenheim-Stuttgart; Dro Paul Sarasin, Basel; Prof. Dro H. E. Ziegler, Stuttgart; Prof. Dro A. Besredka, Paris; Prof. Dro Fr. Claparède, Genf; Prof. Dro von Buttel-Reepen, Oldenburg; Dro Robert Mackenzie, Genova; Dro Robert Assagioli, Firenze. Jen la protokolo:

„Kaŭze de la cirkonstancoj, ke oni kelkloke publike asertas: ‚S-ro Krall kaj lia ĉevalvartisto, aŭ unu el ili, intence aŭ neintence donis al la ĉevaloj helpsignojn por la sukcesa solvo de la donitaj lecionoj,' la subskribintoj sentis sin devigataj, submeti tiun ĉi aserton al serioza kaj objektiva ekzameno. Ili vidis dum multe da tagoj la prezentajojn de la ĉevaloj kaj ĉeestis ĉiufoje matene kaj posttagmeze vicon da eksperimentoj daŭrantaj multajn horojn, kaj eĉ ankaŭ mem donis taskojn al la ĉevaloj. La rezulton de ilia observado ili fiksis en frazoj jenaj:

Fakto estas,

1. ke la ĉevaloj legas de la tabulo nombrojn kaj nombrovortojn fonetike skribitajn germane aŭ france kaj kapablas per tiuj ĉi nombroj solvi la buŝe aŭ skribe donitajn kalkuloperaciojn;

2. ke tiaj ĉevaloj, kiuj estas instruitaj nur dum kelkaj monatoj, rilate povas solvi nur kalkulojn simplajn;

3. ke la pli longtempe instruitaj ĉevaloj — *Muhamed* kaj *Zarif* — ankaŭ atingas ĝustajn solvojn de kalkulajoj malfacilaj. Dumtempe konstatebla estis diferenco individua rilate al la kapableco. Plue estas konsiderinde, ke la ĉevaloj kelkfoje rifuzas disvolvi taskojn tre simplajn. Videble tiu ĉi fakto dependas de la besta farteco rilate al humorŝanĝo, kiu ofte ankaŭ estas klare ekkonebla el la aliaj kondutoj;

4. ke per la tabelo la ĉevaloj kapablas esprimi litere nombrovortojn kaj ankaŭ nomojn eĉ tiajn, kiuj de ili antaŭe ne estas aŭditaj. La skribmaniero konformas al la sono de la vorto kaj estas ofte neatendita;

5. ke la ĉevaloj kelkfoje al si mem montras kompreneblajn signojn laŭsence de la litertabelo;

6. ke signodonado ne okazis ĉe ĉiuj tiuj sukcesoj. Tio montriĝas ne nur el la speco de multe da respondoj, sed ankaŭ el tio, ke provoj — eĉ kun malfacilaj kalkulekzemploj — ankaŭ tiam prosperis, kiam la ĉevalservistoj ne ĉeestis kaj la posedanto S-ro. Krall troviĝis ekster la ekzamenejo tiel, ke li ne estis vidata de la ĉevaloj. Ankaŭ tiam sukceso estis atingata, kiam ĉiuj personoj foriris el la ekzamenejo kaj por la tempo de la leciono restis nevideblaj al la ĉevaloj".

La komunikoj de la esplorinto kelkfoje eĉ surprizeĝe efikis; ekz. la priskribo de la maniero, en kiu la posedantoj de la mirindaj ĉevaloj interparolis kun siaj bestoj kaj la el-

montro de tio, kion la ĉevaloj repondis. Preskaŭ simile kiel en la lernejo komenciĝas la plej unuaj lernprovoj de la „a b c-lernuloj". La propramane skribitaj protokoloj, krom multaj aliaj bildoj de la ĉevaloj kaj de ilia farado, ĉiuj tre klare lumbilde reproduktataj, mirigis la ĉeestantojn.

Ĉesigante la bildmontradon la oratoro diris: „Se vi nun demandas min, kiun rezulton kaŭze de miaj personaj spertoj mi povas prezenti al vi, mi devas diri, ke mi troviĝas kvazaŭ en kontraŭeca stato al tiuj, kiuj en plena entuziasmo revas, ke la seruro al la bestanimo jam estas trovita, kaj kiuj opinias, ke nun ĉe la „pensantaj ĉevaloj" estas esplore pruvita alta, perfekte homsimila inteligenteco. Miaj spertoj ne donis bonsukcesajn rezultojn kaŭze de malfavoraj cirkonstancoj; tamen nur per propra observado mi povas motivi mian juĝon, ne asertante, ke plipermesaj opinioj estas falsaj. Kiel estinta agrikulturisto kaj rajdanto mi kredas, ke mi estas sufiĉe sperta pri la ĉevala naturo, kaj jam el ĝeneralaj pritraktoj mi ne povas konkludi altan inteligentecon. Kontraŭe de Wundt, Lloyd Morgan kaj Claparède mi jam antaŭ jaroj en bestopsikologiaj laboroj apogis la klarigon de la multnombro da zoologistoj, nome, ke multaj agadoj de la plej altaj mambestoj devas esti pritraktataj kiel bazitaj nur sur procesoj inteligentecaj, kaj ne, kiel opinias la cititaj psikologoj, ke ili estas klarigeblaj per la tielnomata asociativa memoro. Claparède nun ja jesas ankaŭ tion. (*Finota.*)

## Oni avertas pri ŝtelistoj!

### Unuakta komedieto.

Originale verkita de **Frida Simmank.**

**Personoj:**

*Sinjoro Adolar Patzig*
*Sinjorino Patzig*, lia edzino
*Margret*, ilia filino
*Sinjoro von Ochsdorf.*

*Loko de la agado:* Pentraja ekspozicio en Dresden; inter la pentrajoj granda afiŝo: *Oni avertas pri ŝtelistoj!*

*Patro, patrino, filino eniras deflanke unu post la alia. (Patrino kaj filino estas troornamitaj per orajoj.)*

**Sinjoro Patzig.** Nu, edzino, kion vi diras pri tio? *(Karese.)* Mi kisos vin pro plezuro! *(Volas ŝin ĉirkaŭpreni.)*

**Sinjorino Patzig** *(indigne).* Adolar! Kia konduto! Vi estas pli ol naivega. Oni devas honti en ĉeesto de sia infano.

**S-ro Patzig.** Neniam vi komprenas ŝercon. Tiom granda ne estas mia apetito. — Do ni ĝoju! — Kara infano, ĉu plaĉas al vi?

**Margret.** Mi trovas apenaŭ vortojn! *(Reveme.)* Estas interese — estas ĉarme — estas rave! — Ĉi tiu bela pentraĵo! Bovo, kiu blekas sur la paŝtejo! *(Sinjoro von Ochsdorf eniras.)* Rigardu nur: la buŝego estas kvazaŭ malfermita!

**S-ro Patzig.** Tute laŭnature! Mi tre ŝatas bestajn vizaĝojn. Certe *Goethe* pentris la bildon.

**S-ino Patzig.** Adolar! Kiam ajn vi malfermas la buŝon, oni aŭdas nur malsaĝajon. Goethe estis ja fama poeto! *(Rigardas la bildon.)* Laŭ mia opinio tio estas la pentra maniero de *Thorwaldsen.*

**S-ro Patzig.** Kompreneble! Mi celis Thorwaldsen; mi nur miksis la nomojn.

**Margret** *(ridante).* Thorwaldsen, ha, ha, Thorwaldsen — pentristo — tion mi aŭdis neniam!

**S-ino Patzig** *(ofendite).* Vi ja devas scii tion, ĉar vi vizitis pensionon, kiu kostis ĉiujare mil markojn.

**Margret** *(grave).* Thorwaldsen estis fama *muzikverkisto.* — Li komponis la kanton „Lasta rozo". — Li ne plu vivas. — Oni starigis je lia memoro monumenton en Kopenhagen. — Tia monumento estas nomata „Maŭzoleo".

**S-ino Patzig** *(admirante).* Kiel saĝa estas Margret! Ŝi povas klarigi kiel libro. — Adolar, vi povas nur profiti de via filino!

**Margret** *(duonlaŭte).* La fremdulo, kiu eniris en la salonon, aŭskultas. Mi vin petas patrino, parolu iom pli mallaŭte.

**S-ino Patzig** *(laŭte).* Kial? Ĉiu povas aŭdi, kiel saĝa kaj instruita nia filino estas. *(Puŝetas la edzon. Duonlaŭte.)* Vidu nur, Adolar! La sinjoro rigardas senĉese la manojn de Margret. — Ŝi havas hodiaŭ bonegan aspekton. *(Ekscitite.)* Adolar, ne staru kvazaŭ ŝtipo! Proksimiĝu al la sinjoro!

**S-ro Patzig** *(flegme).* Kia postulo! Ne, mi ne kuraĝas; la sinjoro aspektas tre eleganta kaj bonstata.

**S-ino Patzig** *(indigne).* Ĉu ni ne ankaŭ estas bonstataj personoj? — Adolar! Vi estas timemulo! *(Urĝe.)* Imagu nur: se la sinjoro fariĝus nia bofilo! — Estas cetere tre dezirinde, ke Margret baldaŭ edziniĝu. Ŝi havas jam kelkajn blankajn inter siaj haroj.

**Margret** (*koketas intertempe kun la sinjoro.*)

**S-ro Patzig.** Klopodu nur mem. La virinoj estas pli lertaj en tiaj aferoj.

**S-ino Patzig** *(decide).* Venu Margret! Ni ŝajnigu, kvazaŭ ni rigardus la bildojn. Kiam ni estos en la proksimeco de la sinjoro, vi faligos vian ombrelon.

**Margret.** Patrino, rigardu ĉi tiun pentrajon! (*Proksimiĝas al la sinjoro.*) Rave! Ĉi tiuj delikataj nuancoj! Tiuj varmaj koloroj! La tuta percepto! (*Faligas la ombrelon.*) Ho ve, mia ombrelo!

**S-ro von Ochsdorf** (*levas la ombrelon*). Mi petas, estimata fraŭlino!

**S-ino Patzig.** Vi estas tre afabla! Koran dankon! — Hodiaŭ la vetero estas ne bela; ŝajnas, ke baldaŭ pluvos.

**S-ro v. Ochsdorf.** La vetero povus esti pli bona. — (*Aminde.*) Kiam oni renkontas amindajn sinjorinojn, la suno brilas.

**Margret** (*kokete*). Vi embarasas min. — Ĉu vi estas la unuan fojon en ĉi tiuj salonoj?

**S-ro v. Ochsdorf.** Dum mia nuna restado en Dresden mi vizitas preskaŭ ĉiutaĝe la ekspozicion.

**Margret.** Certe vi povas klarigi la pentrajojn al ni?

**S-ro v. Ochsdorf.** Kun plej granda plezuro. Permesu al mi: von Ochsdorf. — Kun kiu mi havas la honoron?

**S-ino Patzig** (*faras mansignon al la edzo*). Mi estas sinjorino Patzig el Holstein — mia edzo Adolar — nia filino Margret.

**S-ro v. Ochsdorf.** Mi ĝojegas saluti gesamlandanojn! — Holstein estas ankaŭ mia patrujo. Mi posedas tie grandan ŝtalfabrikon.

**Margret.** Ni estas feliĉaj konatiĝi kun vi!

**S-ino Patzig** (*duonlaŭte al la edzo*). Ĉu vi aŭdis? La sinjoro — riĉa ŝtalfabrikanto! — Espereble Margret montros sin de la plej bona flanko.

**S-ro Patzig.** Lasu nun solaj ilin ambaŭ. La infano povas diri neniun vorton, se vi senĉese babilaĉas.

**S-ino Patzig.** Fi, babilaĉi! Kia esprimo! Margret havas ankoraŭ multe da tempo por interparoli kun la sinjoro. (*Dum sinjoro Patzig sidiĝas, sinjorino Patzig rigardas la pentrajojn, sed ĉefe ŝi observas la paron.*)

**S-ro v. Ochsdorf.** Vi ŝajnas tre laca, estimata fraŭlino! Ĉu vi deziras iom ripozi?

**Margret.** Ni sidiĝu! Sur tiu ĉi benko estas sufiĉe da loko por ni ambaŭ. (*Sidiĝas. Naive.*) Ĉu mia vesto plaĉas al vi, ĉar vi ĉiam rigardas ĝin?

**S-ro v. Ochsdorf.** Ho ne; tio ne estas! — Viaj belaj manoj; la tuta ĉarmega staturo ravas min! (*Alproksimiĝas.*)

**Margret.** Flatemulo! (*Kokete.*) Miaj ĉarmoj estas certe ne gravaj.

**S-ro v. Ochsdorf.** Mi certigas al vi: Multe mi vojaĝis, sed neniam en la tuta mondo mi trovis unuiĝitaj tiom da bonstaturo — tiom da amindeco — tiom da — — —

**Margret** (*interrompas lin*). Ĉu vi ŝercas, aŭ ĉu vi sincere opinias tion? (*Dum la sekvantaj paroloj la sinjoro ŝtelas nerimarkite ringojn, monujon ktp.*)

**S-ro v. Ochsdorf** (*karese*). Ho ne, mi ne ŝercas! — Via delikata profilo! La klasika nazo! La rava mentono! La brilantaj okulsteloj! Kaj kiaj belaj manoj! — Ĉio, ĉio je vi estas nobela! — Mi envias la feliĉulon, kiu posedos tian juvelon!

**S-ino Patzig** *(puŝetas la edzon).* Adolar! Fi! Vi ja dormas! — La sinjoro proksimiĝas al nia filino! — Kaŝe li premas ŝiajn manojn! — Mi jam sentas min bopatrino! — Kion diros la konatuloj! *(Fiere.)* Bopatrino de riĉa, nobela ŝtalfabrikanto!

**S-ro Patzig.** Nu, nu; ne ĝojegu tro frue! Jam kelkafoje ni esperis — vane.

**Margret.** Vojaĝante vi pasigas la plej multan tempon? Certe vi havas belan hejmon?

**S-ro v. Ochsdorf.** Mi posedas monon, multan monon. Sinjora domo estas la mia. Fidela servistaro atendas miajn ordonojn. Tamen io forpelas min en la mondon. — *(Ĝemante.)* Nenio kontentigas min; nenio ĝojigas min — mi estas sola! — *(Pasie.)* Kiel feliĉa mi estus, se mi havus amatan estajon, kiu sentus kun mi! — La reĝino de mia koro estus la reĝino de miaj tutaj posedajoj!

**Margret** *(kore).* Mi vin komprenas, kompatindulo! Mi sentas kun vi. Vi meritas esti tutkore amata.

**S-ro v. Ochsdorf.** Kion mi aŭdas? — Ĉu estas eble? — Margret, vi amas min? — Margret *(urĝe)* estu la mia — diru jes! Faru min la plej feliĉa homo en la mondo! *(Genuas.)*

**S-ino Patzig** *(al la edzo, kiu ekdormis).* Adolar, vekiĝu! Vidu nur, la nobela sinjoro genuas antaŭ nia filino!

**S-ro Patzig** *(dormeme).* Tion mi vidas. Kio okazis? Preskaŭ oni devas opinii, ke li enamiĝis en Margret.

**S-ino Patzig.** Vi amas nian filinon! *(Ĉirkaŭprenas la sinjoron; tiu ĉi forŝtelas de ŝi la naztukon).* Mi salutas vin kore kiel bofilon! *(Ĉirkaŭprenante li ŝtelas la monujon.)* Infanoj, mi benas vin! Estu feliĉaj!

**S-ro Patzig.** Ankaŭ mi tre ĝojas, kara bofilo! *(Ĉe la ĉirkaŭpreno la bofilo enŝovas rapide en la poŝon de la bopatro la eltiritan ruĝan naztukon.)*

**S-ro v. Ochsdorf.** Miaj sopiraj deziroj estas plenumitaj! Benata estu tiu ĉi salono! *(Turnas sin al la elirejo.)*

**Margret.** Kien vi iras, amato? Ĉu vi intencas forlasi nin?

**S-ro v. Ochsdorf.** Kia penso, karulino! — Estas nur tre varme ĉi tie. Mi iras por venigi fiakron, por ke ni veturu kvarope en la „Grandan Ĝardenon".

**Margret.** Kaj vespere? Ni vizitu la teatron, la operon.

**S-ro v. Ochsdorf.** Ĉion, kion vi deziras, karulino. (*Kisas ŝian manon kaj forrapidas.*)

**S-ino Patzig** (*kortuŝite*). Venu en miajn brakojn, amata filino! Kia granda feliĉo!

**S-ro Patzig.** Vojaĝi estas tre bele; precipe, se oni trovas sian bofilon.

**Margret** (*grave*). Vi ja ne scias, kiel riĉa li estas! Li posedas multan monon kaj sinjoran domon; li havas fidelajn servistojn, kaj en liaj vejnoj fluas nobela sango.

**S-ino Patzig.** Mi estas tute kortuŝita. Apenaŭ mi povas haltigi la larmojn pro ĝojego. (*Serĉas la naztukon.*) Kie nur estas mia naztuko? Ĉu mi perdis ĝin?

**Margret.** Verŝajne vi forgesis ĝin en la hotelo. Mi pruntedonos al vi la mian. (*Serĉas la sian.*) Strange! Mi ne trovas ĝin.

**S-ro Patzig.** Vi ankaŭ ne? Kiel estas eble, forgesi tian necesan objekton! (*Elprenas grandan ruĝan naztukon.*) Prenu nur. Estas pli bone ĉi tiu ol neniu. Ĉesigu la ploradon, edzino; mi aĉetos aliajn naztukojn.

**S-ino Patzig.** Mi ja ploras pro kortuŝo! Tamen mi ĉagrenas pri la perdo; la monogramo kostis kvardek pfenigojn.

**Margret** (*serĉante*). La tuko ne estas trovebla. (*Ekkrias.*) Kie estas mia mono? Mia mono estas malaperinta! — Mi perdis la monujon! — Patro, patrino! Helpu al mi! Serĉu! — Ĝi enhavis pli ol dudek markojn!

**S-ro Patzig.** Ne ekscitiĝu, infano! Antaŭ ĉio esploru detale viajn poŝojn.

**S-ino Patzig.** Trankviliĝu, kara Margret, certe via fianĉo kompensos ĉion. Ne ploru! — Kio estas dudek markoj por nobela, riĉa sinjoro! — Mi donos al vi intertempe kelkajn monerojn. (*Serĉas la monujon. Konsternite.*) En kiun poŝon mi nur metis la monujon? (*Ekscitite.*) Nenie? Ne estas eble!

**S-ro Patzig.** Ankaŭ vi perdis la monujon? Ĉu ni ĉiuj estas ensorĉitaj?

**Margret** (*ekscitite*). Kion nur fari? (*Ĉiuj serĉas fervore.*)

**S-ro Patzig** (*ekvidas la afiŝon*). Kia afiŝo? Ĉu mi legas ĝuste? Edzino, Margret! Kvazaŭ blinduloj ni preteriris!

(*Ĉiuj legas.*) Oni avertas pri ŝtelistoj!

**S-ino Patzig.** Via fianĉo forestas longtempe.

**Margret.** Mi suspektas, ke li forkuris kun mia monujo. (*Ektime.*) Miaj ringoj! Ho ve! Miaj belaj ringoj estas ankaŭ malaperintaj!

**S-ino Patzig.** La ringoj! — La heredaĵo de mia mortinta onklino! (*Ekploras.*)

**S-ro Patzig.** Tute vulgara ŝtelisto estis nia nobela bofilo!

**Margret** (*plorante*). Kiel abomene! Karesante miajn manojn li detiris la ringojn; klarigante sian amon per dolĉaj vortoj li ŝtelis — ŝtelis! — Mia braceleto, la ora horloĝo! — Tiu ĉi fripona, abomena ŝtelisto! (*Ploras laŭte. Patrino kaj filino forprenas reciproke la tukon.*)

**S-ino Patzig.** Adolar, postkuru! Eble vi sukcesos lin kapti.

**S-ro Patzig.** Ne, edzino, mi dankas. Ĉi tiun friponon mi ne kaptos. Aŭ ĉu vi pensas, ke li atendas nin? (*Al Margret, donante al ŝi ĉokoladon.*) Manĝu iom, por ke la ĉagreno ne malutilu la stomakon.

**Margret** (*manĝas kaj singultas*). Patro, mi multe amis lin! Kiel terure, esti kisita de ŝtelisto! (*Patrino kaj filino ploregas.*)

**S-ro Patzig.** Ĉesu plori, edzino! — Konsolu vian kompatindan infanon; certe ŝi malsaniĝos pro ĉagreno.

**S-ino Patzig** (*englutas la larmojn. Karese*). Kara filineto, ne ploru! Margret! Karulino! Trankviliĝu! — Mi serĉos alian, multe pli bonan edzon por vi!

**S-ro Patzig.** La proksiman fojon ni estos pli saĝaj. (*Montrante al la afiŝo.*) Oni avertas pri ŝtelistoj!

---

## Dediĉo al Profesoro Christaller.*)

Instruas nin la simpatia personeco
de nia samideano Christaller:

Pura kristalo
estu animo:
zorge detenu
ĝin de la krimo.

En feliĉeco
restu memoro
pri mizerula,
akra doloro.

*) Prezentita de la aŭtoro dum la festeno okaze de la 8a germ. Esp.-Kongreso en Stuttgart.

Ankaŭ li vivas,
kvankam ne volis;
sorta ordono
„iĝu" parolis.

Amu la veron
vi maltimema; —
Nobla vi restu,
bona, helpema!

Al la altestimata S-ro Prof. Christaller dediĉas

respektplene

*Arnold Behrendt.*

---

## Pro amo al patrino.

*De Eko.*

Malbonvestite kaj kun palaj vangoj —
Jen staras knabo antaŭ tribunalo.
Kun peno li ŝajnigas sin kuraĝa,
Sed ne sukcesas; liaj kruroj tremas,
Kaj la rigardoj liaj time vagas
Al la sinjoroj ĉe la alta tablo.
Severmiene tie la juĝisto
Informas sin, legante la aktaron,
Kaj li instruas ankaŭ l' asesorojn
Sidantajn apud li je ambaŭ flankoj.
Preparas protokolon la skribisto,
Dum la publiko en la aŭskultejo
Murmure interŝanĝas opiniojn
Pri l' kulpo de la knabo denuncita.

Komencas nun traktadi la juĝisto;
La knabon li demandas: „Via nomo?" —
„Jan Marten", tiu mallaŭtvoĉe diras.
„Kaj via aĝo estas?" — „Ĵus mi finis
Dek-duan jaron mian." — „Nu, tre frue
Vi jam fariĝis malbonulo! Hontu,
Ke vi en tia aĝo jam komencas
Imiti la ŝtelistojn profesiajn!
Kaj en tombejo eĉ! Abomeninde!
Se vi forprenus de l' bakisto kukon,
Se frandus fruktojn vi de fremdaj arboj —
Ni povus ĝin kompreni; sed prirabi
La ripozejon de mortinto! Vere,
Por tio ne ekzistas indulgemo!"
Indigne la juĝisto tion diris.
Kaj plue li demandas: „Kion faras
La patro via?" — „Li terure drinkas."
„Ne tion celis mi, sed profesion." —
„Mi opinias, ke lin Dio kreis
Por senokupo nur — tiele diris
Tre ofte la patrino, kaj ŝi sciis!
Neniam patro emis al laboro;
Ĝis en la nokt' li sidis en drinkejo,
Dum panjo diligente kudris hejme.
Kaj kiam li revenis, tre malfrue,
Li batis min kaj ankaŭ la patrinon;
Ŝi ploris multe, sed ŝi ne insultis;
Ho, panjo estis bona, sed la patro,
Li malbonega estas kaj nun venas
Pro grava krimo en malliberejon;
Kaj tio justa puno por li estas!"
La knabo akre kriis tiujn vortojn
Kaj per maniko viŝas la okulojn,
En kiuj larmoperloj videbliĝas.

Iome konsternite la juĝisto
Daŭrigas: „Diru, kion faras panjo?" —
„Ho, patrineto mia ne plu estas
Ĉie tie sur la tero, ŝi jam mortis."
Kaj ne plu haltigeble nun la larmoj
Elfluas forte el okuloj liaj,
Simile al torento, kiu digon,
Jam forte ŝancelitan, nun disrompas.
Konsolas la juĝisto lin, dirante:
„Nu, trankviliĝu; nemortema estas
Neniu homo sur la vasta tero,
Kaj niaj karaj ofte jam foriras,
Dum ilin ni ankoraŭ tre bezonas.
Mi ja kompatas vin kaj tre bedaŭras,
Ke la patrinon vi, la karan, perdis.
Se ŝi ankoraŭ vivus kaj kun amo
Vin gardus zorge kontraŭ malbonajoj,
Vi certe ne ŝtelist' hodiaŭ estus. —
Rakontu pri la morto de l' patrino."

Singulte Jan sekigas la okulojn,
Kaj fikse rigardante li komencas:
„En iu tago ebriege venis
La patro el drinkejo kaj terure
Insultis la patrinon; en kolero
Ekkaptis li hakilon, kiu kuŝis
Hazarde sur la kuireja planko.
Kaj ĝin li forte jetis al patrino
Kaj trafis ŝian kapon, ke ŝi falis
Por ne ekstari plu. Pro tiu krimo
La patro venas nun en punodomon!"
Akregavoĉe tion Jan elkriis,
Malamo brilas el okuloj liaj —
Sed tuj de larmoj ili estas plenaj,
Kaj li denove kortuŝante ploras.

Emociite per la kordoloro
De l' kulpigito, la juĝist' atendas
Momenton, antaŭ ol li plue traktas.
Kaj poste li per milda voĉo diras:
„Rakontu nun al ni pri via ŝtelo,
Vi staras antaŭ ni ja kulpigita;
Ni havas atestanton, do, konfesu
La puran veron; eble cirkonstanco
Sin trovos, por mildigi vian punon".

La knabo ne atentas pri l' konsilo;
En sonĝo kvazaŭ li parolas plue:
„Jes, tiel estis, al la tomb' mi iris,
En kiu panjo dormas nun eterne.

Ŝi kuŝas en la plej malbona loko,
Senpere apud muro de l' tombejo,
En loko, kie tombo apud tombo
En longaj vicoj dense amasiĝas.
Kaj ŝia tombo estis sen ornamo,
Nek krucon havis ĝi, nek ŝtonon etan,
Kaj eĉ modesta floro sur ĝi mankis;
Nur griza teramaso al mi montris
La ripozejon de la plej amata.
La ter' soifa estis, kaj mi kuris
Rapide al akvujo, por elĉerpi
Per vazo, jus trovita en la sablo,
Refreŝiĝajon nepre bezonatan.
Senlace mi kuradis, al kaj reen,
La vazon mi pleniĝis kaj la akvon
Elverŝis sur la tombon de patrino.
Kaj kiam mi malĝaje preteriris
La tombojn en la preferataj vicoj,
Mi vidis unu riĉe ornamitan
Per belaj rozoj dolĉe odorantaj.
La rozoj kvazaŭ fajro min alŕbrilis —
La fajro brulis, kaj ĝi min allogis,
Ne lasis ĝi trankvila min kaj signis:
Jen vidu, kiel vera am' klopodas,
Por belornami ripozejon karan! —
Ho, kion donus mi, se panjo mia
Simile povus dormi, ĉirkaŭata
De l' bonodoro de florantaj rozoj!
Pensema mi fariĝis. — Kaj subite,
Pro superrego de la am' al panjo,
Etendis mi la manon kaj forprenis
De l' tombo unu el la rozflorujoj.
Tuj homo min de malantaŭe kaptis
Kaj kriis: „Malbonulo vi, bubaĉo,
Al kie volas vi kun la florujo?
Ne estas ĝi la via; al foiro
Vi volas porti ĝin kaj tie vendi,
Por elspezaĉi la gajnitan monon.
De longe oni serĉis jam, kaj fine
Mi kaptis vin, ŝteliston! For! Rapide
Al policejo nun, por arestiĝi
Vin sentaŭgulon, prirabantan tombojn!"
Li estis kolerega kaj ne volis
Aŭskulti miajn petojn, kiuj celis
Klariĝi la aferon. Estis vane!
Kompaton li ne sentis; li fortrenis
Min, kvazaŭ estus mi krimul' danĝera.
Kaj mi deziris ja nur rozflorujon
Por nuda tombo de la kara panjo! . . ."

Post kiam li per ĝemo finparolis,
En la ĉambrego regas plensilento.
La aŭskultantoj estas kortuŝitaj,
Ne unu nur okulopar' pleniĝas
De larmoj, pro kompato pri la knabo.
Ĉi tiu malkuraĝe, kvazaŭ reve
Rigardas al la tribunala tablo;
Kaj ankaŭ tie la vizaĝoj montras,
Ke la rakonto de la knab' impresis.

Post longa paŭzo la juĝisto levas
Rigardon sian kaj ridete diras:
„Ĉi-foje, pensas mi, sufiĉas juĝo,
En kiu ni esprimas nur mallaŭdon.
Foriru hejmen nepunita, Marten,
Sed ĉiam vi pripensu, ke la homoj
Nur en ĉielo ja egalvaloras.
Sur nia tero ĉiu havas rajton
Pri sia havo, kaj neniu rajtas
Forpreni iun fremdan posedajon.
Jen nia leĝo! Kaj la difektanton
Ni devas puni per malliberigo.
Egale estas, ĉu li ŝtelis monon,
Aŭ rozon nur; la leĝo protektadas
Eĉ etan havon, tion ne forgesu! —
Foriru nun, infano, kaj aĉetu
Florujon aŭ bukedon por patrino . . ."
Dirante tion li moneron metas
En manon de la knabo surprizita.
Kaj el la aŭskultejo oni aŭdas
Konsentmurmuron kaj mallaŭtan „Brave!"

La malgrandulo staras konsternite.
Li ĝojas, sed en lia kapo svarmas
La vortoj de l' juĝisto konfuzante;
Ne scias li distingi la logikon
Laŭleĝan de la propra idearo. —
Nu, tamen li sin klinas kaj balbutas:
„Mi — dankas!" — Kaj ĝemplore li eliras.

## La ideala signifo de la verda stelo.

*Parolado de Profesoro Dro Huebner, Schweidnitz, okaze de la kunveno de Sileziaj Esperantistoj en Breslaŭ, la 10an de Aŭgusto 1913.*




Karaj samideanoj!

Mi ne povas vidi vin per miaj vitraj okuloj*), sed mi estas konvinkita, ke vi ĉiuj hodiaŭ portas nian emblemon, la verdan stelon. Bonvolu nun permesi, ke mi admonu vin, ĝin porti ne nur dum niaj kunvenoj, sed laŭeble ĉie kaj ĉiam. Ĉar nia emblemo celas, unue esti interkonatiĝilo por esperantistoj kaj atentiĝilo por neesperantistoj, due kaj precipe: memorilo kaj instiĝilo por ni mem. Ĝi instiĝu nin fervore lerni, legi kaj paroli Esperanton,

*) La parolinto estas blinda. *La red.*

plue propagandi kaj varbi por nia afero. Sed la plej valoran signifon havu la verda stelo kiel simbolo de l'ideala Esperantismo, de Esperantismo laŭ la homama koro de nia Majstro. Lia granda kaj sankta afero ja celas interkonsentiĝi sur neŭtrala lingva fundamento la popolojn kaj per tio levi ilin sur luman altajon de spirita kaj morala kulturo.

Iam, en antikvaj tempoj, la kvinpinta stelo estis mistera simbolo pro siaj mirige geometriaj ecoj. La grekaj scienculoj eltrovis, ke oni povas desegni la kvinpintan stelon per kvin linioj seninterrompe sinsekvantaj (vidu la vojon *r-s-e-e-p-r* en la figuro), kaj ke ĉiu el la kvin linioj estas dividata per du aliaj laŭ la „ora tranĉo". El la geometria lernolibro bonvolu memori, ke punkto dividas linion laŭ la ora tranĉo, se la tuta linio estas la sama multoblo de sia granda parto kiel la granda de la malgranda, kaj ke tiu ĉi divido havas la unikan econ, ke la malgranda parto metita sur la grandan ankaŭ la lastan dividas laŭ la ora tranĉo; ekz. en la figuro estas *rs : ra = ra : as* kaj *re* estas egala al *as;* necese ankaŭ estas *ra : re = re : ea.* — Tial la iamaj grekoj ĝuste opiniis la oran dividon la plej bela kaj uzis ĝin kiel ĉefan principon en arkitekturo kaj skulptado por temploj kaj statuoj. La kvinpinta stelo montras la oran tranĉon ne malpli ol dudek fojojn kaj tial fariĝis mistera simbolo de la unueco inter scienco kaj arto aŭ ĝenerale inter la vero kaj belo. Dum la malklera mezepoko oni forgesis la devenon de la stela mistero kaj uzis la kvinpintan stelon kiel miraklan defendilon kontraŭ la diablo, kion vi scias el „Faust" de Goethe. Nur la famaj konstruestroj de katedraloj konservis kaj utiligis la sekreton kaj iliaj spiritaj posteuloj, la framasonoj, ankoraŭ hodiaŭ pentras sur la bluan ĉielon de siaj kunvenejoj aŭ temploj kvinpintajn stelojn orumitajn.

Nia stelo, karaj samideanoj, ne havas oran, sed verdan koloron, jen la koloro de la espero. La radiko *esper* montras kvin literojn konforme al la kvin pintoj de nia stelo. Imagu nun la kvin literojn skribitaj sur la kvin pintoj kiel reprezentantoj de la vortoj: espero, saĝeco, pacienco, energio kaj religio, kiuj ja montras laŭvice la kvin literojn kiel komencajn. Tian stelon Londona pastro dum la Kembriĝa kongreso fiksis sur blanke vestitan altaron kaj predikante klarigis, ke la kvin vortoj nomas la ĉefajn virtojn de bona esperantisto. Mi proponas ankaŭ same kiel *esper* uzi la radikon *ideal* kaj pripensi, ke ĝiaj kvin literoj komencas la ĉefajn vortojn de la devizo: Per la internacia lingvo Esperanto kun Dio antaŭen. Rimarkinde estas, ke kvin literojn havas ankaŭ la vortoj: *homam', homar', lumec', saĝec', verec', belec', bonec',* kaj fine la radiko de l'vorto *„Kristo".*

Se vi, karaj samideanoj, rigardante vian stelon, tiel meditos pri ĝia signifo, ĝi fariĝos al vi la sankta signo de l' espero, sub kiu kolektiĝas pacaj batalantoj. Ĝi brilos al vi kiel ĉiela stelo, kiu montras la vojon tra densa mallumo; kaj ĝi memoriĝos vin pri la profetaj versoj de nia Majstro:

L'espero, l'obstino kaj la pacienco,
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni — paŝo post paŝo — post longa laboro
Atingos la celon en gloro.

Do, karaj samideanoj, portu daŭre vian verdan stelon, ŝatu ĝin pro ĝia praktika kaj ideala signifoj kaj estu instigataj de ĝi agi laŭ la devizo: ni laboru kaj esperu, ni esperu kaj laboru por Esperanto.

## Pri fakaj kunsidoj dum la Naŭa.

**Lundon, la 25an ĝis sabato, la 30a de Aŭg.**

Laŭ la oficiala horaro de la Naŭa oni aranĝis, krom la kunsidoj de la K. K. K., de la kongresestraro kaj ĝenerala kunsido de la Scienca Asocio, entute 47 fakajn kunsidojn en la Universitato de Bern. Plej verŝajne ili ĉiuj okazis, ĉar la programo ja estis „neŝanĝebla kiel la Fundamento de Esperanto". Absolute certe ni tion ne scias. Bedaŭrinde ni ricevis nur unu specialan raporton, verkitan de S-ro *Dro Hanau,* pri la kunsidoj de la kuracistoj esperantistaj (T. E. K. A.), kaj ankaŭ la oficiala *Kongresa Gazeto* ne raportis pri ĉiuj fakaj kunvenoj. Sekve, ĉar ne estis eble al nia kongresa raportanto, ĉeesti ĉiujn **47** specialajn kunsidojn, aŭ eĉ parton el ili, niaj legantoj devas sin kontentiĝi per la sciigoj, kiujn ni pri la fakaj kunsidoj ĉerpas el la raporto de Dro Hanau kaj el la Kongresa Gazeto.

Dro Hanau komencas sian raporton per plendo. (Estas strange, ke preskaŭ ĉiuj seriozaj raportantoj pri la Naŭa havas ion plendindan.) Li diras: „Ankoraŭ dum neniu kongreso la partoprenantoj estis tiom okupataj per kunsidoj, kiom dum la Naŭa. Same kiel en nia studenta tempo de unu prelego en alian, ni en Bern rapidis de kunsido al kunsido. Kelkaj fakaj kunsidoj konstante koliziis unu kun la alia, ekz. tiuj de T. E. K. A. kaj E. L. A. tiel, ke oni unu el ambaŭ devis preterlasi. Krom tio, ĉar oni almenaŭ iom volis ĝui la vesperajn plezurojn, kaj plie, ĉar al la Universitato, kie la fakaj kunsidoj parte komenciĝis jam je la $8\frac{1}{2}$ a matene, estis longa vojo por multaj kongresanoj, estas tute kompreneble, ke la fakaj kunsidoj ĉe la komenco estis nur malmulte vizitataj. Ekzemple la lasta kunveno de T. E. K. A., kiu okazis sabaton matene post la balnokto, estis malfermata en ĉeesto de nur 3 membroj! Iamaniere oni devas eviti tiajn malagrablajojn dum la venonta kongreso."

La verkinto estas tute prava. Jam en sia ĝenerala raporto pri la Naŭa nia kunlaboranto *Onklo Tobias* plendis pri la tropleneco de la programo. Certe ja estas, ke la multaj kunsidoj de plej diversaj fakanoj estas bona signo por la vivo de nia lingvo; tamen ili, spite de sia graveco, ne devas esti la kaŭzo de troa streĉo de la fortoj de l' kongresanoj. La programo de la Naŭa estis tiom plena precipe tial, ke ankaŭ U. E. A. dum la sama semajno okaziĝis sian propran kongreson en kelkaj grandaj kunsidoj. Pli bone por niaj ĝeneralaj kongresoj estus, se U. E. A. estonte aranĝus sian kongreson aparte, aŭ antaŭ aŭ post la ĝenerala semajno, tiom pli, ke U. E. A. ne estas faka asocio speciala.

* * *

La **kuracistoj** kunvenis kvarfoje *(lundon, mardon, merkredon* kaj *sabaton* matene). La tri unuajn kunsidojn prezidis Dro *Jameson Johnston* el Dublin (prezidanto de T. E. K. A.) kaj la ferman kunsidon Dro *Christen* el Bern, anstataŭante la ne plu ĉeestintan prezidanton. Bedaŭrinde estis, ke kelkaj estraranoj ne partoprenis la kongreson kaj pro tio ankaŭ ne persone povis fari siajn raportojn en la T. E. K. A.-kunsidoj.

En la *unua kunsido* oni legis la skribe senditan raporton de la sekretario, *Dro Weiß* el Stuttgart. Ĝi sciigis, ke la asocio nun eliris el la kriza stato,

en kiun ĝi venis antaŭ du jaroj per la malbona agado de sia antaŭa komitatano por Germanujo. Multaj anoj eksiĝis pro tio, kaj tial la asocio en la nuna momento havas nur 250 membrojn. Sed la stato iom post iom pliboniĝas, dank' al la helpo de la bone redaktita organo *Kuracisto* kaj de aro da fidelaj, laboremaj anoj. — Dro *Johnston* unue funebre parolis pri la bedaŭrinde mortinta antaŭa prezidanto, *Dro Dor* el Lyon, kies memoron la ĉeestantoj honoris per leviĝo de siaj seĝoj. Poste la nuna prezidanto raportis pri la internacia kongreso de kuracistoj en London, kiu estis bonsukcesa ankaŭ por nia afero. La speciala kunsido de la esperantistaj kuracistoj dum tiu kongreso faris bonan impreson, kaj Dro Johnston mem povis akiri 22 novajn membrojn por T. E. K. A. — La redaktoro de „Kuracisto", Dro *Chybczinski* el Varsovio, ankaŭ sendis sian raporton, el kiu oni eksciis, ke la redakcio bone funkcias. La redaktoro petas, ke ĉiu ĉefa kunlaboranto ĉiumonate sendu du referatojn, kaj ĉiuj sendu materialon el sia faka literaturo nacia. Oni decidis, sendi dankleteron al Dro Chybczinski kaj uzi ĉiun disponeblan monon por pligrandigo de *Kuracisto*. Plue oni decidis, laŭ la ekzemplo de Rusujo, ankaŭ en aliaj landoj starigi filiojn de T. E. K. A. Unuanime akceptata estis ankaŭ la propono, nomi Dron *Mybs* kaj Prof-on *Forel* honoraj membroj.

En la *dua kunsido* parolis *Dro Uhlmann* el Ziehlschlacht pri la medicina terminaro. Li deziras, ke oni enkonduku pli bonajn, vere Esperantajn terminojn kaj novajn sufiksojn; *-itis*, *-oma* ktp. estas malĝustaj lingvaj formoj kaj pro tio ne enkondukindaj en la terminaron de Esperanto. *Dro Zamenhof*, kiu partoprenis la kunsidon, diris, ke la kuracistoj kompreneble bezonas teĥnikan vortaron, sed malbone estus eksperimentado. La tempo de la purismo ankoraŭ ne venis, kaj tial oni devus uzi vortojn, kiujn komprenas ĉiuj.

La *tria kunsido* estis okupata per prelegoj de altsciencaj kaj interesaj referatoj de *Dro Nemser* el Peterburgo (persone), *Dro Ŝidlovski* el Moskvo (legis Dro Christen) kaj *Dro Robin* el Varsovio (legis Dro Johnston). La tri gravegaj referatoj aperos en *Kuracisto*. — Post la kunsido *Dro Christen* gvidis siajn kolegojn tra la medicinaj institutoj de Bern, el kiuj precipe interesis tiu de Prof. *Kolle* por infektaj malsanoj.

En la *ferma kunsido*, kiu estis malbone vizitata pro la jam pli supre dirita kaŭzo, *Dro Christen* prelegis bone ellaboritan kaj instruan referaton pri diabeta kuracado per vegetaja kaj animala nutraĵo.

* * *

La **instruistoj** kunvenis dufoje, *lundon* kaj *merkredon* posttagmeze. La *unuan kunsidon* partoprenis ĉirkaŭ 50 geinstruistoj el 15 diverslingvaj nacioj. Bedaŭrinde la prezidanto de I. I. A., Prof. *Cart*, ne ĉeestis; tial la sekretario-kasisto, S-ro *Jacob* el Antwerpen, prezidis. Li unue funebre parolis pri Abato Richardson kaj petis la ĉeestantojn, honori la memoron pri la alte ŝatata mortinta membro per ekstaro. Poste li raportis pri la financa stato de la asocio. La raporto montris sindonan kaj fidindan laboron de la sekretario, kiu kondukas la asocian aferon sur bona vojo. S-ro *Giraud* raportis en la nomo de S-ro *Aizière*, franca prezidanto, pri la agado de la franca societo instruista. Ankaŭ alinaciaj delegitoj raportis pri la agado en sia lando. Oni gratulis la danajn kaj saksajn kolegojn pro ilia fondo de naciaj societoj.

En la *dua kunsido* okazis elekto de duono el la estraro kaj parolado de S-ro *Giraud* pri federaciiĝo de l' naciaj instruistaj societoj Esperantaj. La de li faritaj proponoj estis diskutataj.

* * *

La **socialistoj** kunvenis *lundon* kaj *merkredon* matene. Ĉeestis 50 personoj sub prezido de S-ro *Hermant*, internacia sekretario, helpata de S-ro *Couteaux*, protokolisto. Post parolado de la prezidanto sekvis salutoj de anoj el diversaj nacioj. Oni decidis fine pri aranĝo de granda, publika *propaganda kunveno* en Bern. Ĉi tiu okazis *ĵaŭdon* vespere kun partopreno de kelkaj plej konataj socialistoj el la urbo. La en Esperanto faritaj paroladoj de ĉiunaciaj socialistoj estis tradukataj germanen.

La *dua kunsido* okazis sub prezido de S-ro *Tesch* el Frankfurt. Ĉefe oni diskutis la demandon pri internacia federacio de ĉiunaciaj grupoj de esperantistaj socialistoj kaj unuanime akceptis la proponon de S-ro *Hermant*, ke la socialistoj kun propraj statutoj unuiĝu aparte de ĉiuj aliaj „ruĝuloj" (anarkistoj, sindikatanoj k. a.). Por ke la federacio internacia povu esti starigata dum la Deka Kongreso en Paris, oni elektis komisionon, kiu helpos la provizoran sekretarion, por fari internacian enketon kaj prezenti, per la socialistaj gazetoj Esperantaj, la definitivan regularon, voĉdonotan dum la Deka. — Ankaŭ akceptata estis rezolucio, proponita de F-ino *Fryer*, laŭ kiu la Internacia Socialista Oficejo en Bruxelles estas petata, studi la demandon pri internacia lingvo kaj prezenti raporton pri tio al la proksima internacia kongreso socialista.

* * *

La **teozofoj** havis unu kunsidon, *merkredon* posttagmeze. S-ino *Tiard* el Paris prezidis kaj raportis pri la enkonduko de Esperanto en la Tutmondan Teozofian Societon dum la lasta teozofia kongreso en Stockholm. Esperanto estis tie akceptata kiel kvara lingvo uzota en la venontaj teozofiaj kongresoj internaciaj. S-ro de *Szentmáriay* el Hungarujo raportis pri la ĉefaj teozofiaj veroj kaj pri sia parolado en Stockholm dum la supre citita kongreso. S-ro de *Nogales* (Hispanujo) raportis pri la teozofia movado en sia lando, kaj S-ro *Dalman* el Barcelona pri la movado en Portugalujo.

*Publikan paroladon* pri teozofio (en Esp.) faris F-ino *Weggeman-Guldemont* en la Universitato, *sabaton* posttagmeze.

* * *

**Internacia Ordeno por Etiko kaj Kulturo** kunsidis *mardon* posttagmeze sub prezido de *Dro Uhlmann* kaj en ĉeesto de *Dro Zamenhof*. La prezidanto raportis pri la stato de tiu fako kaj klarigis la ĝeneralan programon de J. O. E. K. Pri la organizo parolis S-ro *Jost*. Poste oni decidis apogi la novan ideon de la Majstro pri „Homaranismo". Fine oni diskutis la regularon.

(*Finota*.)

## Humoraĵoj.

**Politika balotkunveno.** Ĉu vi bone komprenis? Kiam mi parolos, vi krios: „Brave!" kaj kiam mia kontraŭulo respondos, vi krios: „For, for, malsaĝulo!" . . . sed ne konfuzu, kiel la lastan fojon.

•

Komercisto iam proponis bicikledon al kamparano.

— Bicikledo! diris tiu ĉi kun miro, — kiom do kostas tiu aparato?

— Tricent frankojn!

— Fi! por tia prezo mi preferas aĉeti bovinon.

— Tio ne estas sama afero, rediris la komercisto, vi estus ridinda, se vi promenadus rajdante sur bovino.

— Povas esti, respondis la kamparano, sed mi estus multe pli ridinda, se mi volus melki bicikledon.

•

Provinca aktoro, tre avara, alveninta Paris'on estis kaptata de forta dentdoloro. Li iras al dentisto sur la bulvardo kaj post unu sekundo la dento estas eltirita. La sendolorigita paciento demandas:

— Kiom mi ŝuldas?

— Dudek frankojn!

Kun grimaco la aktoro pagas malkontente kaj reiras al siaj kamaradoj en la kafejo.

— Nu, kiel plaĉas al vi Paris? demandas unu el ili.

— Tre bela urbo, vere; sed kiel facile oni gajnas monon tie ĉi!

— Kiel do?

— Ha, mi jus iris al dentisto por eltirigi denton; la operacio ne daŭris unu minuton kaj kostis dudek frankojn.

— Kaj vi ne estas kontenta?

— Kontenta . . .! En Taraskono la fama dentisto Kolombo fortiris al mi vangan denton kaj postulis nur du frankojn, kaj tamen li trenis min dum tri kvaronoj da horo ĉirkaŭ la tablo.

•

**Bona respondo.** Tre avara sinjorino havis la kutimon, forgesi ĉiujare pagi la kalkulon de sia kuracisto, aŭ almenaŭ ŝajnis forgesi. Iun tagon, renkontante lin en la strato, ŝi volis havi de li senpagan konsulton kaj demandis:

— Sinjor' kuracisto, kion vi faras, kiam vi malvarmumis?

— Mi tusas! respondis la kuracisto salutante.

•

**En hospitalo.** La kuracisto faras sian viziton.

— Nu, Barbey, kiel vi fartas hodiaŭ matene?

— Tre bone, Sinjor' Doktoro, tre bone; mi malsatas kvazaŭ ĉevalo.

La kuracisto turnas sin al la flegisto kaj ridetante: Donu al Barbey bonan porcion da fojno.

Paciento al la flegisto: Aldonu porcion da aveno, Sinjoro Doktoro faros al mi la honoron manĝi kun mi.

•

Juna vidvino reedziniĝas unu jaron post perdo de sia unua edzo.

Amikino diras al ŝi la tagon post la edziĝo: Inter ni, mi devas rimarkigi, ke vi iom rapide prenis anstataŭanton por via kompatinda Karolo . . .

— Ĉu oni ne povas reedziĝi post dek-dumonata vidveco?

— Oni ordinare atendas iom pli longe.

— Ha, vi eble estas prava.

Post momenta pripenso ŝi aldonas: Mi atendos pli longe alian fojon!

## Lingvaj demandoj

### Ankoraŭ pri -iĝi.

La artikolo pri *-iĝi* en la kajeroj B de Julio kaj Aŭgusto devas havi la aprobon de ĉiu gramatike instruita esperantisto. Estu permesite, aldoni al ĝi kelke da rimarkoj. La sufikso *-iĝi* do signifas *transiron* en staton aŭ kvaliton. Tion ĝi devas signifi kaj nenion alian. Maljuniĝi, alproksimiĝi, konvinkiĝi: *zur Überzeugung gelangen;* perdiĝi: *in Verlust geraten;* putriĝi: *in Fäulnis übergehen* ktp., ĉiuj ĉi tiuj estas bonaj ekzemploj de devenigo per *iĝi.*

Ni ekzamenu nun la jenajn frazojn, formitajn laŭ la instruo de niaj vortaroj: la tero turniĝas ĉirkaŭ sia akso; la branĉoj balanciĝas; la folietoj de la libro kungluiĝas — ĉu tie ĉi ekzistas transiro? Tute ne, ĉiuj ĉi tiuj verboj esprimas staton jam ekzistantan. La vortaroj, same kiel la aŭtoroj, prezentas multegon da tiaj falsuzoj. Tre bedaŭrinde, ĉar unu dubesenca sufikso, *-umi,* plena sufiĉas. Ni donu al *-iĝi* unu solan, klare difinitan signifon: tiun de transiro en staton, kvaliton aŭ agadon! Ni ne diru do: la du fratoj malakordiĝas — *sind uneins;* la vosto de la besto treniĝas sur la tero; la forno fumiĝas; la sentenco troviĝas en la Biblio; lia teniĝo aŭ lia deteniĝo estas laŭdinda ktp. Rifuziĝi: *verzichten;* interbatiĝo: *Schlägerei;* konsiliĝi kun iu: *konsultieren;* svatiĝanto: *Freier* . . . estas aliaj ekzemploj de malfacile komprenebla kaj certe senprincipa uzo de tiu sufikso. Oni facile rimarkas, ke la afero estas tre grava, tiom pli, ĉar eĉ la ĝusta uzo de *-iĝi* kaŭzas al la lernantoj sufiĉe da malfacilaĵoj.

Oni demandos: Se „la tero turniĝas" estas riproĉinda, kiel do diri anstataŭ tio? Mi tuj respondos post unu ĝenerala prepara rimarko. Oni scias, ke en la lingvoj germana, franca, angla kaj aliaj ekzistas multe da verboj, kiuj estas uzataj samtempe

kiel transitivaj kaj intransitivaj: *er bricht den Stein — der Stein bricht; er beginnt die Rede — die Rede beginnt; er rollt den Stein — der Stein rollt; il commence le discours — le discours commence; il roule la pierre — la pierre roule; he breaks the stick — the stick breaks; he begins the speech — the speech begins* ktp. Precipe la angla lingvo, nia modelo en multaj rilatoj, prezentas centojn da similaj verboj. Kial Esperanto ne imitas tiun uzon? Kaj ne sole imitas, sed plivastigas? Kial ne diri: *mi rompas la bastonon — la bastono rompas; li komencas la paroladon — la parolado komencas; li rulas la ŝtonon — la ŝtono rulas?* Ĉu estas en tiuj frazoj iu malklareco?

La aŭtoro de la supre menciita artikolo ĝuste montras, ke en izolita adjektivo ne estas klare difinita senco, sed ke ĉiu dubo tuj malaperas, kiam ĝi kvalifikas specialan substantivon. Efektive, kian sencon havas „korpa"? Ne direble. Sed prenu: korpa estaĵo, tuj ni scias — kiel korpo; korpaj fortoj — de la korpo; korpa edukado — pri aŭ rilate al la korpo. Ni agu do sammaniere rilate al verboj; ni ne klopodu senbezone pri la fiksado de la senco per iliaj formoj, se la homa prudento, se la logiko sufiĉe klarigas la sencon. Laŭ la nuna aranĝo ĉiu verbo en Esperanto estas aŭ transitiva aŭ intransitiva. Kia malfaciligo por la lernanto! Ĉu vi konas „sufoki"? Jes — *ersticken*. Ĉu ĝi estas transitiva? Mi ne scias. Svingi? Bani? Bruli? Paŝti? Pendi? Naski? Ŝpruci? Ŝanĝi? Krevi? Volvi? Klini? Guti? Flosi estas intransitiva laŭ la unu, transitiva laŭ la alia.

Mia opinio estas, ke tiu malfacilaĵo kaj multe de la supre pritraktitaj falsuzoj de *-iĝi* estus eviteblaj, se la modelo de la angla lingvo estus plej vaste imitata: *la tero turnas — mi turnas la radon; la leciono finas — li finas la lecionon; la sonorilo svingas — mi svingas la vipon; la koloroj nuancas — li lerte nuancas la kolorojn; la ŝtofo disŝiras — ŝi disŝiris la bileton* ktp. Tri reguloj estus proponotaj:

1) Ĉiu verbo povas esti uzata senŝanĝe kiel transitiva aŭ intransitiva.

2) Se estas dezirinde aŭ necese, pliprecizigi la transiron en staton, kvaliton aŭ agadon, oni uzu la sufikson *-iĝi*.

3) Se estas dezirinde aŭ necese pliprecizigi la transmeton en staton, kvaliton aŭ agadon, oni aldonu la sufikson *-igi*.

Ekzemplo: la masto klinas: *der Mast ist geneigt*; la maristoj klinas la maston; la masto kliniĝas: *gerät in eine geneigte Lage;* la ventego danĝere klinigas la mastojn: *der Sturm biegt die Masten gefährlich.*

Mi transdonas tiujn regulojn al la konsidero de ĉiuj kompetentuloj. *F. B.*

**Noto de la redakcio.** Ni publikigas ĉi tiun artikolon, ĉar ĝi donas interesajn konsiderojn de pensema esperantano; sed ni devas rimarkigi, ke la proponita uzado tute ne respondas al la esenco de nia lingvo. Unuflanke ĝi renversas la ĝisnunan lingvon, aliflanke ĝi sekvigas pluajn ŝanĝojn ne dezirindajn. Ekzemple, kion signifas la tiu metodo: *ich lasse das Rad drehen?* — Do, tiu ŝanĝo ne donus veran utilon, kvankam ĝi prezentas interesan studon. Ni ne forgesu diri, ke la saman ideon defendas S-ro *H. Sentis* en sia gazeto *Evoluo* kaj parte ankaŭ S-ro *Ĉefeĉ* en sia konata verko „La Elementoj kaj la Vortfarado, Gramatiko kaj Sintakso en Esperanto".

## ≡ Por kolektantoj ≡

## Katalogo pri Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongigoj**: E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr: grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr: prezo por 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md: dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre.

(8 a Daŭrigo.)

*c) Ĉillando.*

**1911.**

E: Ĉila Esperantista Asocio. Kadromarko, simila al B I, 1 b 1; en la kvar anguloj Esp.-steletoj. Ts: Lingvo internacia, ms: Ĉillando, md: oni korespondas, d: en Esperanto. T en la kadro: Esperanto, Ĉila Esperantista asocio. Santiago de Chile. Casilla 728. Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 32 × 35 mm, pf $10^3/_4$.

1. Verda.

*d) Danujo.*

**1911.**

E: Centra Dana Esperantista ligo. A: Höst & Sön, Bredgade 35, Kopenhagen. Pr: 0,550 Sm. En la mezo terglobo, md ms la Dana blazonŝildo, s Esp.-stelo kun radioj en rondo enhavanta la vortojn: Lingvo internacia; ms ondoj. T sur flagrubando: Centra Dana Esperantista ligo. Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 36 × 21 mm, pf $11^1/_2$.

1. Verda.

*e) Filipina insularo.*

**1910.**

? ? Kadromarko. Ts: Filipina insularo, ms: 2, 4 aŭ 10 spesdekoj, md: oni korespondas, d: en Esperanto. Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 29 × 32 mm, pf $11^1/_2$.

1. Verda (2 spesdekoj).
2. Ruĝa (4 spesdekoj).
3. Blua (10 spesdekoj).

*f) Francujo.*

**1909.**

? ? Kadromarko. Ts: Franclando, ms, d, md: Esperanto, en la anguloj: punktoj. Pp: blanka. F: rektangula. Gr. 36 × 36 mm, tranĉita.

1. Verda.

*g) Germanujo.*

**1908.**

E. A.: P. Fabian, Chemnitz, Nicolaistr. 2. Verda Esp.-stelo kun litero E en blanka rondo, ĉirkaŭata de 3 tekstrondoj. T en la ekstera rondo, s: Lernu Esperanton, ms: internacia helplingvo; en la meza rondo s: Unua Chemnitz'a Esperantista Societo, ms: Fondita 1907. Oficejo: Nicolaistr. 2; en la interna rondo: Dr. med. L. L. Zamenhof honorprezidanto de nia grupo. Pp: blanka. F: ronda. Gr: 36 mm, ondoforma rando.

1. Verda.

(Daŭrigota.) *Dr. Möbusz.*

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

Ĉi tie ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.

* **Tutmonda Jarlibro Esperantista** por la esperantista jaro **1913—1914.** (Korektita ĝis la 15a de Aŭgusto 1913.) IV + 48 + 248 + XX pĝ., 15½×24 cm. — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 1913. Pr: 1.500 Sm. [147

Duan fojon aperis ĉi tiu grava libro, oficiale eldonita de nia Centra Oficejo en Paris. Jam ekstere ĝi rimarkinde distingas sin de la antaŭjara eldono: ĝi estas pli dika, pli bone broŝurita kaj antaŭ ĉio ĉirkaŭtranĉita. Sed ankaŭ la enhavo de la libro superas la antaŭjaran, unue per pli granda amplekso kaj due (tre grave!) per pli da ĝusteco. Rilate al la lasta punkto ja ankoraŭ ne ĉio estas en bona stato, sed oni ne kulpigu pri tio sole la eldonejon; kiu jam redaktis similan adresaron esperantistan, tiu tre bone scias, kiel malfacile ofte estas, ricevi de la grupoj kaj asocioj la petitajn informojn. Tion ankaŭ la C. O. devis sperti, prilaborante la liston de la asocioj kaj grupoj ĉiulandaj. Ne ĉiu nacia asocio esperantista estas tiel bone organizita kiel nia G. E. A., kiu ĉiumomente povas doni detalan informon pri ĉio, kio koncernas ĝian anaron kaj la Esperantan movadon en Germanujo.

Tre interesaj estas du novajoj, kiujn la nuna Jarlibro enhavas: unue „noticojn" (kial ne notojn?) pri geografiaj, ekonomiaj kaj politikaj aferoj; due „almanakon" kun multaj sciigoj el Esperantujo de ĝenerala intereso. Ĉi tiu parto prezentas al ni bilde kaj vorte kelkajn eminentulojn esperantistajn, tutmondan statistikon ĝeneralan, ion pri la unuiĝo de internaciaj asocioj, statistikojn pri Esperanto kaj pri la biblioteko de la Centra Oficejo kaj fine du ilustritajn artikolojn pri la kongresurboj Bern kaj Paris.

Trarigardante la adresan liston de Germanujo (la solan, kiun mi povas prijuĝi rilate al ĝusteco) mi rimarkis unue ankoraŭ sufiĉe multajn preseraroj n. Sed ni ne tro severe kritiku ilin, pripensante, ke ne estas facile, korektege presiĝi fremdnaciajn esprimojn kaj vortojn. El la venontaj eldonoj la preseraroj esperebie pli kaj pli malaperos. Pli gravaj estas la efektivaj eraroj, el kiuj mi citu kelkajn: Nia unua parlamento (Bundesrat) ne havas 58, sed 61 membrojn. — Mankas la Germana Akademia Esperantista Ligo (ĉu ĝi eble ne donis informojn?). — La U. E. A.-Delegito por *Berlin* (S-ro Sostmann) loĝas en Berlin, Levetzowstr. 23, dum la D. por *Charlottenburg* (la sama S-ro) loĝas en B., Ottostr. 11! Ĉi tiu strato estas pli nova adreso de la D. Do, iom da konfuzo. — En Berlin ne ekzistas Esp.-*Societo* „Groß-Berlin", sed Esp.-*Ligo* „G. B.". — Esperanto-Verlag Möller & Borel ne plu ekzistas en Berlin de post Aŭg. 1912, kaj ĝi ne estis en W. 57, Berlin-Schöneberg, sed Berlin S. W. 68. Laŭŝajne en tiu ĉi loko de la kompostajo elfalis unu aŭ du linioj, ĉar la sekvantaj adresoj ne estas kompreneblaj. — La prezidanto de I. K. U. E. en Charlottenburg ne nomiĝas Fran, sed Fromm, kaj lia loĝejo ne estas Schu-, sed Schulstr. — La nomoj de kelkaj lokoj parte ne estas ĝuste skribitaj, parte ne havas la ĝustan kaj necesan aldonon, ktp. ktp. — Tiuj eraroj ne estas faritaj de la koncernaj grupoj, sed ili naskiĝis el neatento de la eldonejo. Nu, ni esperu, ke la venontjara eldono de la Jarlibro tiurilate same superos la nunjaran, kiel ĉi tiu la antaŭjaran, kaj ni povos esti kontentaj.

Tamen ankaŭ la nunjara libro estas utilega por ĉiu esperantisto pro ĝia entute fidinda materialo. Tial mi ĝin varme rekomendas. *Eko.*

* **Ginevra.** Triakta lirika dramo, laŭ malnova internacia legendo el kelta deveno originale verkita de *Edmond Privat.* 48 p. $11^3/_4\times15$ cm. — Universala Esperantia Librejo, Genève. 1913. Pr: 0.500 Sm. [112

S-ro Privat verŝajne prenis la materialon por sia originalajo el la samnoma kvara — jam esperantigita — kanto de l' „Reĝaj Idilioj" de Alfred Lord Tennyson. Ĉi tiu granda poeto pritraktis sian temon en *lirika epopeo* kaj tiel agis certe tre saĝe. S-ro Privat kuraĝis konstrui sur la sama bazo *lirikan dramon* kaj tiel agis certe multe malpli saĝe, ĉar ŝajne mankas al li ĝuste tiuj talentoj, kiujn dramverkanto nepre devas posedi. Li nek scias karakterizi siajn homojn verŝajne kaj interese, nek kapablas krei konvinkan kaj harmonian draman evoluon. Rilate al la lasta punkto mi speciale mencias la scenon inter Lancelot kaj Modredo. Je la komenco de tiu sceno la leganto ankoraŭ tute ne konas Modredon kaj ankaŭ ne scias, kiuj rilatoj ekzistas unuflanke inter Ginevra kaj Lancelot, aliflanke inter la geamantoj kaj la nevo de l' reĝo. Nur post kiam Lancelot sufiĉe longatempe mokege kaj malĝentile kondutis kontraŭ Modredo, li mem rakontas la kaŭzon de sia ĝis tiam ne komprenebla faro. Iomete lerta dramverkanto sendube sciigus al ni la amon inter Lancelot kaj Ginevra kaj la malbonintencojn de Modredo antaŭ la disputo inter la du kavaliroj, kaj li krome sciigus tion pli kredeble per la buŝoj de aliaj personoj, ol per tiu de Lancelot mem. Kiu garantias pri tio, ke Lancelot, kiun ni ĝis tiam konas nur kiel sufiĉe viglalangan homon, ne mensogas siajn riproĉojn al la kontraŭulo, jus de li traktita tiom strange kavalire? —

Pli bone ol pri la drama, S-ro Privat sukcesis pri la lirika parto de sia verko. Oni ja ŝatas jam de longe lian lirikan talenton, kiun li en „Ginevra" plej majstre elmontras en la kortuŝa uverturo de l' tria akto.

Rilate la korektecon de la Privat'a lingvajo mi trovis en „Ginevra" erarojn, kiujn mi ne supozis en verko de mondfama ekzamenanto. S-ro Privat parolas ĉiam pri „nobeluloj". Laŭ li homo povas „riski esti mortfrapita". Krome li malzorgeme skribas „antaŭ veni tien ĉi", li fuŝuzas la verbojn *ĉesi* kaj *droni*, li lasas „ĉion hontan sigeli vera sensancele (iĝe!)" ktp.

Eble ĉi tiuj eraroj estas kaŭzitaj per tio, ke la aŭtoro multe rapidis, por povi prezenti sian verkon al la nunjaraj kongresanoj. Tia klopodo iom senkulpigus ankaŭ lian strangan emon, akcenti en siaj versoj dekon da fojoj prepoziciojn aŭ aliajn vortetojn,

kiuj nepre ne havas logikan akcenton: „Mi venis **al** vi el palaco patra"; „Elektis? **Se** ne, mi proponus jenan" ktp. *Valc.*

**• Patreco.** Kvarakta socia dramo de *M. Wolf.* 56 pĝ., 13½×19½ cm. — Hachette & Co., Paris. 1913. Pr: 0.500 Sm. [131

Kion diri pri tiu ĉi verko, kiu ĉe sia prezentado dum la Naŭa en Bern faris tiel malagrablan impreson al la plej multaj aŭskultantoj? Mi ne volas kaŝi, ke mi persone ja konsentas pri la tendenco de la verko, kaj verŝajne ankoraŭ multaj aliaj samideanoj havas la saman opinion; mi ankaŭ ne volas plej ete dubi pri tio, ke la dramo „Patreco" dankas sian ekziston al la plej noblaj sentoj de la tre ŝatata aŭtorino, sed tamen ĝi, laŭ mia opinio, tute ne taŭgis por prezentado en nia kongreso. La prezentado staris sub duoble malfeliĉa stelo: la tendenco de la verko entute ne plaĉis, kaj la afero estis ankoraŭ pli malbonigata per la riproĉinda elparolado de la aktoroj. Sed la eraro estas farita kaj ne plu forigebla, restas ankoraŭ nur la tasko, taksi la valoron de la verko laŭ lingva vidpunkto. La aŭtorino mem kaj ŝia edzo faris la esperantigon de la franclingva originalo, sub la kontrolo de kelkaj aliaj gesamideanoj, kaj mi povas diri, ke la Esperanta teksto entute estas bonega. La stilo estas flua, kaj la kelkaj negravaj eraroj ne malhelpas la ĝuon de la legado. Nur la tro ofta, ne ĉiam ĝusta uzo de la konjunkcio *do* sin malagrable rimarkigas. Mi rekomendas la legadon de la verko al ĉiu, kiu, kiel la aŭtorino, „sentas grandan kompaton pri la moralaj suferoj de malfeliĉa junulino, forlasita de tiu, kiu ŝin patrinigis." La eksterajo de la libro estas bona, kia ni kutimas ĝi vidi de la konata eldonejo.

*F. Ellersiek.*

**• La vojo de l' vivo.** Ĉapitro XXII: La vorto. De *L. N. Tolstoj.* El rusa lingvo tradukis *Paŭlo Medem.* 17 pĝ., 12½×18 cm. — Eldono de Kovna Esperantista Societo, Kovno. 1913. Pr: 0.100 Sm. [130

La ĝermo de ĉiuj aferoj kuŝas en la penso; la penson ni esprimas per vorto kaj efektivigas per la ago. En la supra ĉapitro la aŭtoro pritraktas la signifon de la vorto en la homa vivo. Se la leganto legos la libreton armite per forto de distingado, li certe trovos ankaŭ ion por si, kion li povos rigardi kiel vojmontrilon ĉe la uzado de la vorto. La traduko estas bona. *hen.*

**• Superforta ambicio.** Skizo el la esperantista vivo, originale verkita de *A. A. Saĥarov.* 52 pĝ., 11×17½ cm. — Librejo „Esperanto", Moskvo. 1913. Pr: 0.250 Sm. [139

La supra skizo estas satiro pri tro ambicia esperantisto, kiu, ne povante okupi unuajn rangojn ĉe siaj grupanoj — fariĝis idisto. Ordinara afero. Aliaj — estas pli prudentaj, kaj revenas al Esperanto, sed la heroo ĉesis sin okupi pri ĉiuj internaciaj aferoj.

Bedaŭrinde la verketo enhavas kelkajn lingvajn erarojn. La aŭtoro ne diferencigas inter *instrui* kaj *lerni,* kaj kelkfoje li ne bone konstruis la frazojn. La stilo ĝenerale povus esti pli flua. *hen.*

**• L' Esperanto méthodique.** Cours complet par *L. C. Deslaurier,* professeur diplomé d'Esperanto. XVI+105 paĝoj 13×19½ cm. — Presa Esperantista Societo, Paris. Pr: 0.625 Sm. [82

Kun plezuro mi trarigardis ĉi tiun lernilon, kiu en sufiĉe detala, sed ĉiuere ĝusta maniero klarigas nian lingvon. Se mi diru kritikon, estas pri la troa skemigo, kiu estas trovebla en la verko. Por multaj lernantoj la konjugaciaj tabeloj estos timigaj, kvankam la Esperanta sistemo, simple klarigate, estas vere simplega. Kun granda laŭdo mi devas citi la mallongajn, trafajn ekzemplofrazojn, el kiuj multaj estas prenitaj el la Fundamento. — Ankaŭ la preso kaj komposto estas tre kontentigaj; niaj transrajnaj samideanoj do vere povas danki la aŭtorinon kaj la eldonejon pro la utila libro, kiu refoje pliiĝis la armeon da france-esperantaj lernolibroj. *Lr.*

**• Intermita Sciigo No 3:** La pacparlamento kaj ĝia organizo. De *Brynjulf Jhss. Klingenberg.* 20 pĝ., 14×22½ cm. — Propra eldono de la aŭtoro, Kristiania. 1913. Pr: 0.400 Sm. [148

Jen la tria folio el la serio, en kiu la konata norvega infanteria kapitano publikigas siajn interesajn artikolojn pri la organizo de monda pacparlamento. Bedaŭrinde la stilo de la artikoloj ne estas tiom bona kaj flua, kiom estas dezirinde pro la graveco de l'enhavo. La „Intermitaj Sciigoj" estas haveblaj ankaŭ ĉe S-ro *P. Tarnow,* Waitzstr. 27, I., *Kiel* (Germ.). *Eko.*

**Solecaj animoj.** Unuakta gajajo de *Homunkulus.* El germana lingvo tradukis *Oskar Süssmann.* (Esperantista Teatro No. 1.) 24 pĝ., 11½×16 cm. — Egera Presejo, Eger (Hungarujo). 1913. Pr: 0.100 Sm. [127

La eldonejo de „Verda Standardo" en Eger aperigas de nun kolekton de teatrajoj taŭgaj por amatoraj prezentadoj en esperantistaj grupoj. Tio estas por faciligi la elekton el jam tradukitaj kaj eĉ nur tradukotaj, do ankoraŭ nacilingvaj, teatraj tekstoj, kiuj povas esti aŭ originale verkitaj aŭ ĉerpitaj el iu nacia literaturo. Ĉi tiu nova entrepreno estas subteninda, ĉar per tio ni havos unuforman kolekton, kiu facile ebligas zorgan elektadon. Ĉiun monaton la eldonejo aperigos 1 novan broŝureton; la prezo de jarabono estas Kr. 5.—. Ankaŭ la eksterajo de la libretoj estas taŭga.

Ni nun havas jam la priparolatan 1an numeron de ĉi tiu kolekto. La komenco, rilate la elektadon, do estas bone farita, ĉar ĉi tiu gajajo ne nur estas humorplena, sed enhavas ankaŭ kaŝitan instruon. Koncerne la tradukon mi devas konfesi, ke, legante, mi kvazaŭ sentas el la frazoj la germanan lingvon. Ne estas eraroj gramatikaj aŭ stilaj, sed mankas kelkfoje la internacieco de la traduka lingvo. Tamen jam dum la legado la humorajeto plezurigas.

*Charlotte Pulvers (E. L. A.)*

**Esperanto im Munde des täglichen Lebens.** Dialoge und Redensarten von *Josef Bronnenmayer* 2 kajeroj po 80 pĝ. — Verlag „Reform"-Bibliothek, Wien II. Ambaŭ kajeroj kune 1.200 Sm. [62

La aŭtoro diras en la antaŭparolo, ke ĉiu studanta fremdan lingvon, havos la deziron, uzi ĝin same kiel sian gepatran lingvon; sed ĉar en la literaturo oni nur malofte aŭ eĉ neniam trovas la parolturnojn de la ĉiutaga vivo, li opinias necesa la aperigon de frazaro enhavanta tiajn parolturnojn.

Mi persone opinias, ke per la materialo troviĝanta en nia literaturo oni povas esprimi ĉiujn ideojn de la ĉiutaga vivo. La Esperanta pensmaniero estas multe pli simpla ol tiu en la naciaj lingvoj, kion montras la jena ekzemplo ĉerpita el la frazaro: *Er hat die Woche blau gemacht* — „Li ne laboris la

tutan semajnon". Sed tamen tiaj frazaroj povas esti tre utilaj, nome per tio, ke ili montras al la komencintoj, ke oni ne devas traduki laŭvorte, sed ĉiam nepre laŭsence. Kaj kiu el niaj progresintoj deziras ekzercadi sian sagacecon, povas fari tion konkurante kun la aŭtoro, kiu en kelkaj ekzemploj ne sukcesis prezenti la plej trafan tradukon.

Krom diversaj preseraroj la du kajeroj enhavas sufiĉe multajn forigotajn nekorektajojn.

Mi citu nur la jenajn frazojn, kiuj estas parte eraraj, parte strangaj kaj parte superfluaj:

Kia (kioma) horo estas? Realeco *(Reellität?)* de la firmo. Ĉu vi reflektas (?) librotenistan oficon? Ni prenas ĝin kiel malhonoro (malhonoron). Leciono estas surdonita (?) al ni. Tion li povus preni por ofendon (ofendo). Ĉu mi povas konsulti vin pri kozo? (kozo anstataŭ afero) Li farzis (?) Kion vi havas por kritikaji (?) lin (?) Estas fiega (?) de l'vivaranĝo — *Es ist im Leben häßlich eingerichtet.*

Sed aparte de tio mi devas konfesi, ke la aŭtoro faris treege diligentan laboron en la starigo de tiel granda, preskaŭ neelĉerpebla provizo da frazoj el la ĉiutaga vivo. *P. William.*

**La Mistera Sinjorino.** Novelo originale verkita de *René Beck.* — Librejo Asselin, 7, Avenue de Grammont, Tours (Francujo). 1913. 0.200 Sm. [59

Interesa noveleto, kiu pritraktas la malnovan aferon de amo trompita: Edzo trompas sian junan edzinon kaj forlasas ŝin; sed ŝi serĉas lin dum 10 jaroj, nekonate ŝi loĝas tie kaj tie, dum li daŭrigas siajn diboĉadojn. Fine ili sin renkontas reciproke en iu soleca vilaĝo, kien li estis veninta por ĉasadi. Dum semajnoj jam li provas amindumi ankaŭ kun ŝi, ne sciante, kiu ŝi estas, sed ŝi forpuŝas lin: ŝi lin ankaŭ ne ekkonas. Tamen, iun tagon li kun teruro ekscias, kiu ŝi estas; li skribas al ŝi leteron, por ree vivi kun ŝi. Sed ŝi post longa pripensado disŝiras la leteron kaj saltas en la apudan lagon: lia konduto de fremda viro kontraŭ fremda sinjorino naŭzas ŝin; tial ŝi ne akceptas lin — kaj ŝi estis prava.

La stilo estas flua kaj korekta; tamen neŝatindaj estas la esprimoj „nune, ĉiame, tiele"; ili jam estas adverboj, specialaj adverboj de maniero kaj de tempo, kaj ne plu bezonas adverban finiĝon.

Erarojn mi ankaŭ ekvidis, ekz.: „timego iĝis ŝin senmova (p. 12). Post la prepozicio „krom" ni ne uzas akuzativon (p. 15). Anstataŭ „malĉeesto" mi dirus pli mallonge „foresto", kaj la formon „serĉi pacigon" mi anstataŭus per „serĉi pacon".

Mi sincere rekomendas la libreton, ĉar estas tre agrable, legi ĉi tiun historieton; ankaŭ estas ofte tre belaj frazkonstruoj.

Ĉu oni ne povas kunigi 3 aŭ 4 tiajn noveletojn en unu volumon, por eviti la malampleksan broŝuron?

*Charlotte Pulvers, L. K. (E. L. A.), Basel.*

**Manuale Esperanto** della Conversazione per Viaggiatori. *Metodo Marlborough.* Italiano-Esperanto. 60 pĝ., 9×16 cm. — E. Marlborough & Co., 51, Old Bailey, London E. C. 1913. Pr: 1.— L., por instruistoj ktp. 12 ekzempleroj 8.10 L. (3.250 Sm.); sendkostoj por 12 ekz. 0.65 L. (0.250 Sm.). [129

Ĉi tiu libreto estas destinita por vojaĝantoj, t. e. por la itala vojaĝantaro kaj turistaro, kiu per helpo de ĉi tiu „manuale" povas veturi en ĉiun fremdan landon, ne sciante ĝian lingvon.

La libreto havas tre taŭgan formaton kaj tre beletan eksterajon, ĉiu sinjorino facile povas ĝin enigi en sian arĝentan aŭ ledan saketon; la presliteroj estas bone legeblaj. La enhavo rilatas la ĉiutagajn esprimojn kaj frazetojn ĉiuspecajn. Ni vidas sur la paĝo du rubrikojn; en la unua troviĝas la itallingva teksto, en la dua la Esperanta. La diversaj ĉapitroj pritraktas la vivadon en hotelo, loĝadon kaj manĝadon, la diversajn veturmanierojn en la urbo, la korespondadon, la doganon, ciklismon kaj aŭtomobilismon, ludojn, aĉetadon, pakajojn, monŝanĝadon, la fotografan arton, poŝton, ekskursojn, teatron, la legadon de horloĝo ktp., kaj finas per listo de esprimoj kaj frazoj de ĝentileco. Aldonitaj estas kelkaj formoj de leteroj, la listo pri la nombroj, mezuroj kaj pri la mono de la diversaj landoj kompare kun la itala monkalkulo.

Je l' komenco ni legas ĝeneralajn notojn pri la legmaniero de Esperantaj vortoj kaj pri la parolmaniero de la literoj, ankaŭ pri la akcento kaj la artikolo en Esperanto. La verketo estas do por neesperantistoj; ankaŭ la enkonduka artikolo kaj la alia klariga teksto estas skribitaj en itala lingvo.

La Esperanta traduko de la frazoj estas bonstila kaj korekta; sur paĝo 46 mi legas bedaŭrinde: „Kiel vi statas?" anstataŭ „Kiel vi fartas?" Estas itala naciismo (come sta? come state?).

La libreto efektive taŭgas, kaj ŝajnas al mi, ke oni povas tre bone ĝin uzi ankaŭ kun malaj intencoj: ĝi povos esti utila al esperantisto de ĉiu alia nacieco, vojaĝanta en Itallando!

*Charlotte Pulvers (E. L. A.).*

**Laborista klaso kaj socialismo.** De *Marcle Cachin,* membro de la Parisa urbestraro. El la franca lingvo esperantigis *L. Berland,* urba konsilanto, kaj *L. Vergnaud,* membro de E. S. F. I. O. 19 paĝoj 13 1/2×21 cm. — Aĉetebla ĉe la tradukintoj, L. Berland, 7, Rue de la Paix, kaj L. Vergnaud, 48, Rue du Pont-Neuf, ambaŭ en Limoges, kaj ĉe Esperantista Sekcio Franca de la Internaciista Organizajo, 49, Rue de Bretagne, Paris, kontraŭ 1 respondkupono afrankite. [70

La enhavo de tiu ĉi broŝuro pritraktas la necesajn rilatojn de la laboristaro al socialismo. Oni en ĝi kolektis tion, kion ĉiu, kiu volas prijuĝi la karakteron de la laborista klaso, nepre devus scii, antaŭ ol ĝin kontraŭbatali. Tial mi nur povas rekomendi al tiuj, kiuj ne volas studi la grandan literaturon pri socialismo kaj la laborista movado, legi ĉi tiun broŝuron. Ĝi estas vere bone kaj facilkompreneble tradukita, preskaŭ oni povas diri modele tradukita, kion oni bedaŭrinde ne tro ofte rimarkas ĉe tiaj temoj. *F. Z.*

*

**Enhavo de G. E. 11 A:** 4. Kongreß der U. E. A. in Bern. — Ein Esperanto-Pavillon auf einer Weltausstellung. — 9. Deutscher Esperanto-Kongreß. — Deka Universala Kongreso de Esperanto. — Kroniko el germanlingvaj landoj. — Internationale Esperanto-Bewegung. — *Por kaj kontraŭ:* Bravo! Esperanto en germanaj gazetoj. Esperanto — lingvo de ŝtelistoj! — Diversaj komunikoj. — Bibliografio. — *Oficialaj sciigoj de Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.):* Rundschreiben Nr. 19 (Ziffer 144—159). — Negocaj sciigoj.

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

### No. 28.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| a | a | b | e | e |
| e | e | h | l | |
| l | m | m | | |
| r | r | | | |
| t | | | | |

Ordiĝu la literojn tiamaniere, ke la horizontalaj kaj vertikalaj vicoj montru: turkan institucion, insekton, kaptilon, prepozicion, konsonanton. *Kobo.*

### No. 29.

Multe da loĝantoj estas en la domo
tre malgranda, kun konata nomo.
Unu post l' alia admonante iras for por ĉiam,
ili do revenos, ho, atentu ĝin, neniam.
Tute grava estas la admono,
ĉar la tempo ankaŭ estas mono.
Kaj la nomo
de la domo?

*Johannes Bauer.*

### No. 30.

**Krucenigmo.**

| | |
|---|---|
| 1 | 2 |
| 3 | 4 |

1—2 bezonaĵo de l' homo; 1—4 insekto; 3—2 besto; 3—4 parto de la korpo; 4—2 vazo.

*Elsbeth Mertens.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj. La legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. *(Valoro de ĉiu premio ĝis 1 Sm.).*

La gajnontoj bonvolu sciigi al nia eldonejo Ader & Borel G. m. b. H., Dresden-A. 1, Struvestr. 40, la librojn, de ili deziratajn.

## Solvoj el la antaŭa kajero.

### No. 25.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| m | a | n | d | r | a | g | o | r | (o) |
| e | | i | | a | | a | | e | |
| l | | k | | f | | z | | z | |
| o | | e | | a | | e | | e | |
| n | | l | | n | | l | | d | |
| (o) | | (o) | | (o) | | (o) | | (o) | |

**No. 26:** Mirto — mirtelo.

**No. 27:** Arbo, arĉo, ardo, ario, arko, arto.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

*A) de ĉiuj numeroj:* Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Katharina Bock, Neukölln; Kurt Böhme, Dresden; Georg Brucks, cand. math., Breslau; R. Brüggemann, Berlin; Max Butin, Arfraderhof b. Curau; Hermann Decker, Neukölln; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; F-ino Liesel Fuhrmann, instruistino, Neukölln; S-ino Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolo); S-ino Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; Ph. Heim, Ludwigsburg a. Rh.; F-ino Elisabeth Henze, Oldenburg i. Gr.; Ernst Hudetzka, Niedereinsiedel (Norda Bohemujo); Bernardo Huss, apotekisto, Mülhausen i. Els.; Arthur Kirchhübel, Neusalza-Spremberg; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; Johs. May, St. Wendel; N. Moesgaard, instruisto, Kjóge (Danujo); E. Momber, Honnef a. Rh.; A. Neitzel, Hannover; Otto Petzold, reallernejinstruisto, Oschersleben; F-ino Hertha Salzbrenner, Seelingstädt b. Werdau; Schauer, paroĥestro, Moosinning; Wilh. Schimmel, kantoro em., Dresden; Dro Schmidt, Essen a. Ruhr; Reinhard Schmidt, Hamm i. Westf.; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; Herm. Schulz, Sebnitz; Jos. Sommer, Lippstadt; Hans Steinberg, Göttingen; F-ino M. Trötschel, Frankfurt a. O.; F-ino Hilde Wagner, Ebersbach i. S.; Ziemann, juĝeja sekretario, Gnesen.

*B) de du numeroj:* F-ino Else Andrae, Leisnig; Karl Baensch, Breslau; Max Fischer, saksa fervojasistanto, Weida; Ilmari Manner, instruisto, Mouhijärvi (Finnlando); F-ino Gertrud Sarnes, korespondistino, Breslau; F-ino Marg. Schäfer, Dresden-R.; F-ino Toni Simon, Magdeburg; Otto Wirths, kampara leterportisto, Hochdahl.

*

*La premiojn gajnis per loto:* S-ro Arthur Kirchhübel, Neusalza-Spremberg*); F-ino Hertha Salzbrenner, Seelingstädt b. Werdau; F-ino Hilde Wagner, Ebersbach i. S.

*) Sed *ne* pro la sendita bela fotografaĵo, pro kiu ni cetere kore dankas! *Red.*

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden G. m. b. H., Dresden.